FONDITA en 1908 - TRIA SERI
32a Jaro - Nº 226 - Aprilo-Majo 1964

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

# FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

## LES ROSES DE VILLECRESNES DES ROSES SONT LES REINES

Une pierre de sacrifice et un menhir (en ruine) attestent que VILLECRESNES était déjà habitée du temps des Druides.

Au 13-ème siècle, ses maraîchers fournissaient en légumes la communauté d'ouvriers qui construisait la cathédrale Notre-Dame de Paris.

La rose a été importée en Brie par Bougainvilliers. Celui-ci, retiré à Suisnes, autorisa son quartier-maître à cultiver et vendre cette fleur rapportée de Perse.

C'est ainsi que débuta la culture de la rose dans cette partie de la Brie qui comprend les communes de Cerçay, Mandres-les-Roses, Marolles, Périgny, Santeny-Servon, Villecresnes ainsi que quelques autres en Seine-et-Marne.

A VILLECRESNES, les premières serres ont été installées en 1913 et à cette époque la livraison vers la capitale s'effectuait...à pied!

De nos jours la culture de la rose s'étend sur 25 à 30 hectares et occupe toute l'année environ 500 personnes; la vente en gros a lieu sans interruption aux Halles, car VILLECRESNES est le centre de production des roses coupées de la région parisienne.

L'active municipalité, avec son maire, le docteur BERTRAND, chef de clinique, utilisant cette spécialité a sui faire de VILLECRESNES la I-ère commune de la région parisienne et la 9-ème de France de sa catégorie pour l'urbanisme, l'hygiène et l'embellissement. En 1949, elle a reçu le diplôme d'honneur du concours de la plus belle France. Le T.C.F. lui a décerné sa médaille d'argent et elle a été classée hors-concours pour la Seine-et-Oise en 1959.

Nous espérons que les participants du 56-ème Congres National, d'Espéranto - si le soleil daigne se mettre de la partie - pourront dire, avec Madame Simone GAILLARD:

"
"Mois plaisant et charmant, combien tes fleurs sont belles,
"Les roses en boutons, pour notre bon plaisir,
"Au flanc des pergolas s' accrochent en ombrelles,
"Et les cueillir enfin, comble notre désir"

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Jean THIERRY** UFE 34 rue de Chabrol - PARIS (10ème) .
Téléphone : PRO. 55-03

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS** : Le détail en a paru dans le précédent numéro.

E N H A V O



## KUNVENO DE LA KONSILIO EN GRESILLON
### la 4-an de Aprilo 1964

(ekstrakto)

S-roj R.Llech-Walter kaj Rousseau raportis pri la financoj; la konsilio proponos al la kongreso plialtigon de la kotizo ĝis 20 frankoj La revuo aperos tiom da fojoj kiom la enspezoj ebligos (en 1964 almenaŭ okfoje).

S-roj Guillaume kaj Rousseau raportis pri la venonta kongreso en Paris

La konsilio aŭdinte la raporton de la komisiono nomita por studi la statutmodifan proponon de S-ro Gouget unuanime aprobis la konkludon de la komisiono: "La projekto montriĝas NEADOPTEBLA ĉar: 1°)ĝi prezentas nek simpligon, nek plibonigon de la nuna sistemo, 2°)ĝi ne respondas al la bazaj decidoj faritaj de la Konsilio kaj ĉefe ratifitaj aliflanke de la eksterordinara ĉefkunveno de la 22-4.1962: a) peti agnoskon de "publika utileco" (kio devigas observi la statutan modelon truditan de "Conseil d'Etat") b)formi Unuiĝon ne de individuoj sed de asocioj deklaritaj laŭ la leĝo de 1901, (federacioj kaj fak-asocioj".




49a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
==============
HAGO I/8-8-64-

kies alta protektantino estas ŝia Moŝto JULIANA Reĝino de NEDERLANDO.

KOTIZOJ: Ĝis la 30a de Junio, la kotizoj estas jenaj:

| | |
|---|---|
| Kongresano.................F. | 70,- |
| Edz(ino)o de Kongresano.....F. | 35,- |
| Junul(in)o ĝis 20 jaroj.....F. | 27,- |
| Gestudentoj (20/30 jaroj)...F. | 44,- |
| Blindul(in)o................F. | 35,- |

DUA BULTENO - La Dua Oficiala Bulteno estas sendita al ĉiuj aliĝintoj.

ĜENERALAJ KUNVENOJ: Dum la 49-a U.K. okazos du ĝeneralaj kunvenoj:
a) La rezultoj de la Junulara Jaro
b) Diskuto pri la Estrara Raporto.

SEKCIOJ: Dum la U. K. estos du labor sekcioj pri:
a) La eduka valoro de la instruado de Esperanto en la lernejoj,
b) Aplikado de modernaj metodoj en la informado pri Esperanto.

LOĜIGA SERVO: Ĝi akceptos mendojn nur ĝis la 15-a de junio se la litoj je ĝia disponone pli frue elĉerpiĝos.

DELFTBLUA TELERO: Estas mendebla ĉe U.F.E. belega telero el la delfta bluo kun pentraĵoj mane faritaj, sed en tre limigita kvanto. La speciala prezo de tiu altvalora verko estas 35 F.

STATISTIKO: Ĝis la fino de februaro 1655 personoj el 37 landoj aliĝis al la kongreso, inter ili 187 francoj. (Lastjare 1591 el 34 landoj).

56a NACIA KONGRESO DE E S P E R A N T O-
==================
PARIS I6/I8.V.I964




sub la Patronado de
S-ro FOUCHET, Ministro pri Edukado,
S-ro André MALRAUX, Ministro pri Kulturaj Aferoj,
S-ro Maurice HERZOG, Ministro pri Sporto kaj Junularo.

PERŜIPA EKSKURSO: Tiu ero de la kongreso restos kiel memorindan aferon. La kvieta kaj ĉarma etoso de surrivera promeno estos bona ripozilo post la kongreslaboro! Ne forgesu sendi vian aliĝon al ĝi.

ALIĜO: La limdato por aliĝi al la kongreso estas la 10a de Majo.

KONGRESKARTO: Ĝi estas sendita al ĉiuj partoprenontoj de la kongreso. Ni atentigas ilin, ke ĝi estos utila por eniri SENPAGE en la FOIRO de Parizo kaj iri al la Kongresejo. La kutimaj kuponoj por la diversaj aranĝoj de la kongreso estos troveblaj en la dokumentara koverto.

TAGORDO DE LA KONGRESO:

Malfermo: S-ro SOUBRIER, direktoro de la Foiro de Parizo,

Festparolado: P-ro WARINGHIEN, prezidanto de la Akademio,

Malfermo de la Laboroj: S-ro LLECH-WALTER prezidanto de UFE.

| | |
|---|---|
| Jara Raporto | : S-ro J. GUILLAUME |
| Financa Raporto | : S-ro J. ROUSSEAU |
| Instrua Raporto | : S-ro R. BLANC |
| R.F.E.-Raporto | : S-ro J. THIERRY |
| Eksteraj Rilatoj | S-ro A.BOURDEAUX |
| Esp°-Instituto | : P-ro DUC-GONINAZ |
| Raporto pri UEA | : D-ro A. ALBAULT |
| Federacioj | : S-ro G.ROUGETET |
| Raportoj de la Fakoj | |
| Perspektivoj | : S-ro LLECH-WALTER |
| Oratora Konkurso | por Gejunuloj |

## EVOLUO DE LA IDEO PRI LA CELO DE E S P E R A N T O

1887 - ...Lingvo Internacia, kiu ne
====== entrudiĝante en la doman vivon de la popoloj, povus almenaŭ en landoj kun diverslingva loĝantaro esti lingvo regna kaj societa (Zamenhof - O.V. p.18)

1887 - Lingvo, jam de la komenco mem
====== kaj dank' al sia propra konstruo povu servi kiel efektiva rimedo por internaciaj komunikiĝoj (Zamenhof - O.V. p.20)

1890 - La fina celo de la Ligo estos
====== atingita tiam, kiam por ĉiu homo estos sufiĉe, scii ekster sia propra lingvo nur la lingvon neŭtrale homan, por jam sen bezono de ia alia lingvo povi libere kompreniĝi kun la tuta civilizita mondo (Zamenhof - O.V. p.65)

1900 - L'idiome international vise
====== incontestablement quiconque a des relations internationales ou désire en nouer (De Beaufront: La Langue Internationale doit - elle être faite pour les érudits?)

1904 - ...Ni devas celadi al tio, ke
====== en... la lingvo internacia, ĉiuj (propraj) nomoj estu skribataj laŭ la fonetiko internacia de tiu ĉi lingvo, por ke ĉiuj nacioj povu legi ĝuste tiujn nomojn (Zamenhof - Lingvaj Respondoj).

(Persone, mi opinias la malon. Oni pardonu min. Sed oni komparu la ĝeneralan ideon, kiu kuŝas malantaŭ tiu frazo kun la simila ideo eĉ malpli ampleksa en la unua teksto de 1887 ĉi supre citita. - R.J.)

1963 - Malbele presita...broŝureto.. sukcesis varbi adeptojn tra la tuta mondo..... Estas dubinde, ĉu tio okazus hodiaŭ..... La afero Esp-a estas antaŭ ĉio afero ideologia. (W.Auld, Monda Kulturo n°3a)

## BIEN POSER LE PROBLEME

1964 - Et maintenant, quel est le sens profond de notre action? Que-devons-nous mettre en relief aux yeux du public? Quelle est la raison d'être de notre langue?

Je crois que la meilleure réponse est celle qui a été donnée dans l'excellent article "Plaidoyer pour l'Espéranto" d'Ivo Lapenna, publié dans le "Courrier de l'Unesco" de Juin 1963:

"...Une société dans le sens où un "groupe de personnes emploie un lan-"gage donné...peut être...une tribu, "une nation, une communauté religi-"euse...sans exclure une collectivi-"té internationale employant la Lan-"gue Internationale dans le but d'as "surer des communications interna - "tionales".

"... l'esprit humaniste qui anime "cette langue..."

"...L'Esperanto n' a pas pour but de "supprimer les langues nationales, "mais de dissiper le chaos dans l'in-"térêt de la compréhension interna-"tionale à tous les degrés..."

Que dire aux hommes de notre époque? Ceci peut -être: "Profitez du "travail de nos devanciers. L'Espé-"ranto est la Langue auxiliaire dont "le potentiel

affine votre sens pratique,
développe votre culture,
peut répondre à votre désir d'expansion morale.

..Mais il faudrait dire ces trois choses en même temps!

Roland JOSSINET
==============

P.S.- En la cititaj tekstoj, la substrekoj estas miaj.

# RECENZOJ

EL ĈINA PENTRARTO - Albumo de koloraj reproduktaĵoj de ĉinstilaj pentraĵoj. Eldonita de la ĉina esperanto-ligo por festi la kvinan jaron de reapero de "El Popola ĉinio".

La ĉina pentrarto tute ne estis influita de la pentromaniero de la okcidentaj pentristoj; tial estas interese kompari la ĉinan stilon kun la nia.

Ambaŭ serĉas kompreneble ne la tutsimilan reproduktadon de la pentrita objekto. Kontraŭe, ili provas, redoni ĝian spiriton kaj esprimi, krome siajn proprajn sentojn. Sed dum iafoje la modernaj okcidentaj artistoj ne hezitas tiucele ofendi la bonguston, la ĉinaj artistoj, kvankam ili ankaŭ "aranĝas" la naturon siamaniere, ĉiam serĉas poezigi kaj plibeligi ĝin.

Tiuj, kiuj ŝatas la pentrarton plezuriĝos rigardante la belajn reproduktaĵojn de la albumo eldonita de niaj ĉinaj samideanoj.

L E G R E E

AGO kaj REAGO - de C.F.XAVIER, el la portugal-lingva originalo tradukita de Porto Carreira-Neto - Eldonita de la Brazila spiritisma Federacio - 236 paĝoj.

Multaj religioj konsentas pri la postmorta vivo de la animo, sed neniu detale priskribas ĉi tiun transtomban vivon. En "AGO kaj REAGO" la aŭtoro, kies aliaj verkoj jam estis esperantigitaj (Nia Hejmo - Antaŭ du mil jaroj - Kristana Agendo), malkaŝas al ni la suferojn de la elkarniĝintoj en la malsuperaj regionoj ekster nia planedo. En ĉi tiu purgatorio, tiuj kiuj surtere grave pekis devas pagi siajn ŝuldojn kaj sin plibonigi, suferante por aliuloj....

Kompreneble, ĉiuj legantoj ne akceptos tian koncepton de la spirita vivo, sed ili certe admiros la moralan valoron de tiu verko, kies instruoj ne dekliniĝas de la etikaj reguloj de la kristanismo.

Pro tiu morala valoro kaj pro la modela esperanta stilo de la traduko ĉi tiu libro estas rekomendinda al ĉiuj.

L E G R E E

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxo

## KAMPANJO "LAZURO"

La kampanjo nomiĝas LAZURO ĉar tiu koloro simbolas unuecon de tut-homa familio kaj unuecon de ĝiaj fundamentaj interesoj, krome ĝi estas ankaŭ en la emblemo de U.N.O.

En la kadro de la kampanjo laboras junularo de mezlernejoj, asociigitaj en Lernejaj Rondoj de Esperanta-junularo.

La kampanjon gvidas Fako de Mezlernejoj ĉe ĉefa estraro de Pola Esperanto-Junularo, str. Dubois 3, en WROCLAW, (Pollando), kiu volonte korespondos kun la personoj interesitaj.

oooooooooooooooooooooooooooooooooooo

## KORESPONDPETOJ

S-ro Andrzej MAJEWSKI, ul. B. Chrobrego 20/3 ZIELONA GORA (Polujo) pri moderna muziko, filmoj, televidado, poŝtmarkoj, k.t.p.

F-ino Mariana PETKOVA (14 j.), placo D. Blagoev, bl.10 ap.11 VRACA (Bulgario) pri turismaj bildkartoj.

A. DOVBIŜ (20 jaraĝa junulo) ŜOSTKA, Sumskojobl. ul. Korolenko 43/3 (Sovetunio-Ukraino), deziras korespondi pri ĉ.t. kaj interŝanĝi P.M., P.K. esperanto-gazetojn, k.t.p.

## AUGUSTE JOLY

La grupo de Besançon kaj ankaŭ la franca movado bedaŭras la morton de unu el siaj membroj: Sinjoro AUGUSTE JOLY, kiu mortis en malsanulejo; lia entombigo okazis la 7-feb.1964.



En 1936, jam esperantisto, kaj 48 jaraâga, li fariĝis membro de la "Amicale Espéranstiste, fondita de Marcel GEORGE.

Tiam, la vivo de nia amiko, spirite detranĉita el sia kutima medio havis grandan celon. JOLY partoprenis en ĉiujn internaciajn kongresojn: la lasta por li estis tiu en Kopenhago.

Por tio, ĉar JOLY estis malalte pagita urba laboristo, nia amiko nek fumis, nek trinkis vinon, manĝis nur sufiĉe por vivi; tiel li finfine povis aĉeti la bileton por iri en fremdan landon ĉeesti la karan kongreson. Jaron post jaro, tio estis lia nura, vera celo. La esperanto-flago farita de liaj manoj estis por li valora simbolo, tial li ĉiam vojaĝis kun ĝi.

Ni konservos de nia amiko la vidon de homa formeto, kun peza verda sako sur kurbiĝanta dorso, kun fotoaparato peze tirante sur la ŝultro.

Li ridetis amike sub la viziero de sia griza kaskedo.

....Nia amiko daŭrigas sian homan vojaĝon.......

Elisabeth KOHLER

# VIVO DE LA GRUPOJ

**ANGERS** - La 4ª kultura vespero de la serio "La Landoj de Danubo" okazis la 24-an de Marto, kun aŭdado de folkloraj hungaraj diskoj kaj cigana muziko, du kolorfilmoj pruntedonitaj de la asocio "France-Hongrie "Pontoj kaj Kajoj" kaj "Hungara Rapsodio", kolorbildoj pri Budapeŝto.

La Federacio-kunveno okazis la 12-an de aprilo en Grésillon.

En majo la grupo organizos kulturan vesperon pri NEDERLANDO okaze de la Universala Kongreso.

**BEZONS** - La 6-an de Marto sub la patronado de la Urba Biblioteko, P-ro DUCGONINAZ faris prelegon pri "L'ESPERANTO, langue internationale: Utopie ou Réalité"?. Post la parolado okazis debato.

**L Y O N** - Por anonci siajn kursojn, la grupo eldonis afiŝojn, kaj gluigis ilin sur la murojn de la urbo. La rezulto estis bona. Lastjare 18 kursanoj sukcesis en diversgradaj ekzamenoj. Dum la dimanĉaj kunvenoj okazis paroladojn pri Julio Baghy (S-ino GONIN), Hispanujo (S-ro MOLERA), Bulgario kun kolor-filmo, de 120 m. (F. BILLEMAZ), Laponio (S. RAMIALISSON), Internacia Esp° Semajno en Svisujo (S-ino MOREAU).

La magnetofona servo aŭdigis sonbendojn el Japanujo, Sovetunio kaj Germanujo.

La tasko por la venonta jaro estas: Havigi propran sidejon al la grupo.

**PARIZO** - La parizanoj havis plurajn, agrablajn kunvenojn dank'al S-ro SLEYSSER (Nederlando), S-ro R. SCHWARTZ (Memoraĵoj), Profesoro DUCGONINAZ (Saharo).

La gejunuloj reaktiviĝas kaj renkontiĝis dum marto kun la fervojista junularo.

## *TEJO*

20-a KONGRESO - Partoprenos en la
=============== programo la teatra grupo de Studenta Esp° Klubo el Zagreb sub la reĝisoreco de M. ŜERMENT (membro de I.A.T.) Prizorgos oficialan teatran vesperon ankaŭ I.A.T.

La ekskurso celos al Hilversum, kie la kongresanaro estos akceptita en la urbdomo.

Tri firmaoj regalos la kongresanoj: Verdade, Knorr kaj Hero, dum la gazeto Elzevier subtenas mone.

Post I. J. K. estos ebleco ripozi en la pitoreska junulara hotelo "La Drommedaris" en Enkhuizen, malnova fortikaĵo de la 14-a jarcento nun studenta hejmo.

17-a KONGRESO DE K. E. L. I.
============================

La ĉi jara internacia kongreso de KELI okazos en LUNTEREN (Nederlando) de la 25-a de Julio ĝis la 1-a de Aŭgusto, tuj antaŭ la 49-a U.K. La plena kotizo estas 120 guldenoj.

Informojn donos al vi Fraŭlino T. PUTTO, Bennekomseweg 20 - EDE (Gld).

La GERMANA SOCIETO POR INTERNACIA JUNULAR-INTERŜANĜO, Vikotriastrasse n°24/26 en BONN (53)aranĝos esperanto-kursojn, inter la 20a de junio k. la 12a de sept.1964 en siaj tendaroj en Niederbreisig (inter Bonn kaj Koblenco) kaj en Nigra Arbaro (Freibg-Schluchsee). La tendaro ne estas esperantista aranĝo, sed oni kalkulas je la partopreno de samideanoj; ili rilatu rekte en esperanto kun la supre dirita asocio.

Por montri al la partoprenontoj ke la movado estas informita pri la feriokursoj, sendu salutleteron en franca lingvo kaj Esp° al la germana respondeculo: S-ro H. BERHMANN, Memelstrasse 14, WALSRODE (303)

De 12a ĝis 26a de julio 1964, STELO kaj POLA ESPERANTO-JUNULARO organizos tendaron en Ciechesinek. Dum la periodo okazos ekskursoj, Stelo-semajno, seminario pri Afriko, prelegoj, debatoj, k.t.p.

Informojn donas Romuald SKALINSKI, str. Szczytna 6 - TORUN (Pollando) La kostoj estas proks. 200 F.F.

De 16a ĝis 22a de julio 1964, okazos en PRIMORSKO (Bulgario) la Unua Internacia Seminario de Bulgara Esperanto-Junularo. La temo de la seminario estas: "Vojoj al Internacia - Interkomprenigo". La kotizo estas 100 FF. Por aliĝi sin turni al: BULGARA ESPERANTO JUNULARO - p.k.587 en SOFIO (C) (Bulgario).

De la 9a ĝis la 20a de Julio estos aranĝita ferisemajno ĉe la Lago Balaton (160 kms for de Budapeŝto). Interesatoj petu informojn el Hungara Esperanto-Junularo, Petöfi S. I7 Budapeŝto V. La kotizo povos esti pagita al la kasisto de I.J.K.-TEJO.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

VIVO DE LA GRUPOJ (fino)

CALAIS - Kongresanoj el 5 landoj suk
======== cesigis la tri esperantotagojn de la kaleza grupo.

La amika kaj internacia etoso estis la ĉefa allogaĵo de la programo. Krome, la partoprenintoj ĝuis aŭtobusan ekskurson subvenciitan de la turism-oficejo, varietean vesperon, kun belegaj lumbildoj (aparta mencio por la serio trafe ilustrinte kanzonon de J. Brel, interludon, skeĉon de Schwartz, poemojn, kantojn, ktp.

Pli ol 70 personoj vizitis la vizon-bredejon de Gesr-oj S.B.SKOLE en Brême-les-Ardres.

Dum la laborkunsido S-ro CURNELLE invitis la delegitojn al la Esperanto Tago en la Foiro de Lille.

S-ro PHILIPPE honorprezid. de UFE partoprenis la bankedon kaj rakontis pri siaj spertoj en Esperantujo.

## 3a KULTURA SEMAJNO DE U. F. E. en la KASTELO de GRESILLON

De la 31-a de Marto ĝis la 7-a de aprilo, okazis la 3-a Kultura Semajno de U.F.E. sub la aŭspicioj de la Ministerio pri Nacia Edukado.

Ĉiuj konferencoj anoncitaj en antaŭa numero okazis; krome S-ro BLANC respondulo pedagogia de tiu semajno gvidis plurajn reviziajn kursojn kaj kun la helpo de S-ino TURIN, ludojn kaj kantojn.

Ĉiutage, la staĝantoj prezentis raportetojn (en esperanto) antaŭ la ĉeestantaro, laŭ temoj libere elektitaj de ili.

Ni aperigas ĉi sube unu el tiuj raportetoj, farita de Fraŭlino Marguerite Carlué, seminarianino en Aix-en-Provence.

Ni menciu fine ke pli ol 80 personoj partoprenis tiun kulturan semajnon.

-o-o-o-o-o-

Mi volas iomete paroli al vi pri mia vojaĝo tra Italio, Jugoslavio kaj Bulgario, okaze de la 48-a Internacia Kongreso de Esperanto en Sofio.

Mi iris kun miaj gepatroj kaj geamikoj, kiuj estis geesperantistoj, sed mi povas diri ke mi antaŭe neniam lernis esperanton.

Unue ni trairis la nordan parton de Italujo kaj ni rapide vizitis Torinon, la belan urbon de nia ĉarma kamaradino, poste Milanon.

Iom pli longe ni restadis en Venezio, kies urbo tre plaĉis al mi ĉar ĝi estas pitoreska per siaj karakterizaj gondoloj sur la kanaloj kun ĝiaj kolomboj sur la placo San Marco.

La arkitekturo de tiu urbo precipe impresis al mi, ĉar ĝi estas tre diferenca de la aliaj urboj.

Poste mi alvenis en Jugoslavion. Mi vizitis Dalmacijon, kiu estas tre bela parto de Jugoslavio. La vetero estis varmega. La suno ĉiam brilis. Ne estas multaj kulturoj escepte olivarboj kaj vitarbustoj. Mankas akvon por aliaj kulturoj.

La popolo estas tre malriĉa en tiu regiono. Ili havas nur malgrandajn domojn sen televidaparato, aŭtomobiloj kiel ni. La vojoj tute ne estis asfaltitaj ĉar la popolo havas nur azenojn kaj la reliefo estas naturimpona.

Kelkaj tagoj ni estis poste en la internacia kampadejo de Primoŝten malgranda kaj mirinda duoninsulo ĉe la Adriatika marbordo. Tiu ĉi kampadejo estis tre agrabla kaj tre afablaj esperantistoj akceptis nin.Geesperantistoj de multaj landoj estis en tiu ĉi kampadejo.

La vojaĝo ni daŭrigis en Lubjana kaj Zagrebo. Mi restadis ankaŭ kelkajn tagojn en malgranda urbo kio nomiĝas Nova - Gradiŝka; tien ni havis jugoslaviajn geamikojn. Ili tre gastame kaj afable akceptis nin. Ĉiuj la loĝantoj deziris paroli kun ni.

En tiu ĉi urbeto ni gustumis la jugoslavan manĝaĵon: kokfritpastaĵo kaj precipe tre ofte paprikoj ĉiam paprikoj!

Poste ni iris en Beogrado. Tiu regiono estas pli riĉa ol tiu de la marbordo. Multajn estas la kampoj de maizoj kaj heliantoj.

En Beogrado miaj gepatroj partoprenis al la kongreso por geinstruistoj.
Mi partoprenis kun miaj gefratoj,

al la malgranda junular-kongreso, kiu okazis tiam.

Dum tiu kongreso unuafoje mi ekparolis kun la alilandaj gejunuloj kaj mi konstatis ke oni povis sufiĉe bone interkompreni.

La vojaĝon poste daŭrigis sur tute ne komforta strato de Niŝ ĝis la bulgara landlimo. Mi ne longe parolos pri Bulgario ĉar S-ro Blanc jam detale parolis pri ĝi.

Sofio tre impresis al mi ĉar ĝi estas ĉarma urbo kun multaj belaj parkoj kaj belaj rusaj, turkaj kaj ortodoksaj preĝejoj.

La kongreso tre interesis min. Pli ol 3400 personoj el 45 landoj ĉeestis en tiu kongreso. Mi pli bone komprenis la paroladojn ol dum la pasinta jaro en la kongreso en Kopenhago.

Mi komencis babili kun junaj gebulgaroj kaj aliaj landanoj. Mi komprenis ke Esperanto estas tre facila lingvo kaj ĉiam pli min entuziasmiĝis.

De Sofio ni faris ekskursojn ĉe la Vitoŝa Monto kaj poste en Rila monaĥejo, kiu vi vidis sur la diapozitivojn. Estis tre ĉarmaj lokoj kaj tre agrablaj tagoj.

Post la kongreso mi trairis Bulgarion. Mi vizitis Plovdiv kun la domo de nia poeto Lamartine, Stara-Zagora kaj poste la rozvalo. Bedaŭrinde la rozoj ne estis floritaj. Rozdistileja vizito t r e interesis min, ĉar mi povis kompreni la malfacilan laboron de la bulgarinoj kiuj kolektas ilin.

Ni atingis poste la nigra maro. Kvankam oni nomas ĝin nigra maro, ĝi tute ne estas nigra. Kontraŭe! Suno ĉiam brilis kaj ni tre ŝatis bani en tiu agrabla akvo.

Pri la bulgara vivo mi ankaŭ rimarkis la originaleco pri NE kaj JES, kaj la afableco, la gastigemo kaj bonedukiteco de la bulgaroj.

-o-o-o-o-o-

N.B.- La ĉi supra teksto estas tia, kia ĝi estis skribita kaj elparolita de la verkintino.

=================================

2 skotaj universitatanoj volas labori/plibonigi la francan en francparolanta lando dum unu jaro ek de venonta oktobro. Akceptos ion ajn por unu aŭ du. D. KELSO, University - Union, Park Place - EDINBURGO 8.

mnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmnmn

Fraŭlino Mathilde SCHIRBER 50 Boulevard Général Leclerc - BORDEAUX pĉk: 67462-Bordeaux - estas la nova perantino por ricevi la kotizojn de la I.E.M.W. (Internacia Esperanto Muzeo en Vieno).

oooooooooooooooooooooooooooooooooo

Marta HANUŜOVA, 22 j. instruistino fraŭlina, dez. kor. esp. kun fraŭlaj geinstruistoj, profesoroj, oficistoj Sbribu la adreson presletere: ĈSSR.- MALACKY I6I6.

=================================

Abonu ĉinan Esperantan periodaĵon

# EL POPOLA ĈINIO

aperanta dumonate en 40-paĝa kajero (19 × 26 cm)
riĉe ilustrita kun multkoloraj kovriloj kaj bildopaĝoj

**Ĝi informas vin**

pri la konstruado, popola vivo, kulturo, arto, literaturo kaj fundamentaj scioj de Ĉinio, kaj problemoj kaj novaĵoj pri la Esperanto - Movado

**en 1964**

aldoniĝas sinsekve novaj rubrikoj :

- FILATELA FOLIO (multkolore presita)
- POST la KURSO (por komencantoj)
- DISTRA ANGULO (por vesperoj de Esperanto-grupoj)

**Donacaĵoj**

**Du kompletajn seriojn da belaj ĉinaj poŝtmarkoj** ricevos la abonantoj pagintaj **antaŭ Junio 1964**

**"Ĉielpaca Pordego de Pekino"**
(brokatan bildon - formato 26,5 × 17,5 cm)
ricevos tiuj kiuj varbos pli ol **du novajn** abonantojn antaŭ **Junio 1964**
(Tiuj, kiuj sukcesos varbi pli ol **5 novajn** abonantojn, ricevos samtempe unu ekzempleron de

**"El ĉina Pentrarto"**

**Abonprezo**

| Por 1 jaro | Por 2 jaroj | Por 3 jaroj |
|---|---|---|
| 3 F. | 4,50 F. | 6 F. |

**Abonu ĉe :**
Union Française pour l'Esperanto
34, rue de Chabrol - PARIS 10e
C.C.P. PARIS 855.35

Al petantoj, Libro-servo de Ĉ.E.L. liveras senpagajn specimenojn de "El Popola Ĉinio" kaj katalogon de ĉinaj Esperanto libroj.

## PIKU! PIKU! KAMARADO!

### Internacia kaj Intererinaca Dialogo
### franca-jugoslava verkita de IMBERT

J.- Pli bone estus reveni al la koka familio.

F.- Al koka-kola, vi pravas...

J.- Ne, al la koka familio, sen Kola

F.- Ĉu ekzistas senkolaj kokoj en Jugoslavio? Tion mi ankoraŭ ne vidis.

J.- Ne, pri kokoj ni parolu, kokoj, kokinoj, gekokoj. Ĉu klare? Nu, mi deziris akcenti la ribelemon de la franca kokaro, kiuj rifuzus tute certe kviete kuŝi en korbo sur la kapo de kamparanino, kiel ĉe ni.

F.- En la komenco de mia restado en Jugoslavio, mi egale admiris la ekvilibrosenton de la kamparaninoj, kaj la obeemon de kokinoj. Nun, pri la obeemo de kokinoj mi havas dubon La ŝnureton mi unue preterrimarkis. Plie, mi antaŭ kelka tempo aŭdis interparolojn de kokino kaj kokinestro. La kokino rifuzis ovumi sen la garantio, ke ŝiaj ovoj estos venditaj de la plej konata ovovendisto, kun la stampo "Made in Poland" aŭ "Made en Israel" kaj nepre nur kelkajn monatojn post la demeto.

J.- Nu, finfine, ni lasu la ĉapitron pri manĝo. Estas akcesoraĵo kiu iam tute malaperos el la jugoslavaj kutimoj, tre verŝajne. La manĝaĵejo fariĝos iam superflua, kiam ĝi jam nun estas en Francujo pro tute alia kaŭzo, la kolosa glutivo de Francoj

F.- Manĝi estas ja la ĉefa devo de bona civitano. Ĉe la dua loko, laŭ graveco, ankaŭ laŭ graviteca leĝo, venas kuŝado kaj dormado.

J.- Mi ne subtaksas vian ronkokapablon, sed mi ne komprenas, kiel vi povas dormi en tiaj sakokaptiloj kiaj estas la francaj litoj. Mi miras kiel vi ne sufokiĝas sub la littuka premo!

F. - Sed mi aliflanke admiras vian ŝaton al tutjara kampado. La lito ĉe vi estas tre rapide aranĝebla, sed same rapide malranĝebla, eĉ sen interveno de la propra volo de la dormanto. Por mi, dormado en jugoslava lito estas konstanta fakiraĵo, antaŭlernejo de somnambulismo. Vi devas dum la dormo senĉese retretiri la falintan ŝovkovrilon. Krome, tiu ŝovkovrilo estas genia inventaĵo origina el Istrio, kunigaĵo de littuko kaj kovrilo. Ĝi estas vera Pula paradizo.

J.- Sed la francaj litoj estas tiel altaj, ke necesas esti regula membro de montogrimpanta societo por lerte ensalti ilin sen vundiĝo!

F.- Sed ĉe vi al ĉiu, kiu deziras lumigi fajron, necesas karbominista sperteco. La karbo kutime prezentiĝas sub formo de monteroj, kaj oni devas hejme rompi ĝin per adzo.

J.- Skafandristoj ĉiukaze Francoj ne estas. La nura vido pri malvarma akvo matene ĉe la leviĝo tremigas ilin de frosto. Molhaŭtuloj, ili, preferas centprocente varman akvon!

F.- Sed ni uzas frottuketon, ne spongon. Spongo restas por viŝi la erarojn de niaj esperanto-instruantoj!

(daŭrigota)

# S E R V I C E   D E   L I B R A I R I E

## ETUDE & ENSEIGNEMENT

L'Espéranto, cet inconnu...... 1,25
Espéranto-Manuel.............. 8,00
Esperanto, fil d'Ariane....... 14,00
Fundamento (p. de Albault).... 13,50
Lingvo kaj Vivo.....(bindita). 20,00
Lingvaj Respondoj (Zamenhof).. 7,50
Ludoviko en Nederlando........ 16,00
Ni parolu en Esperanto........ 4,80
Plena Gramatiko (vol.I)....... 12,00

## DICTIONNAIRES

Léger - Albault (F + E)....... 20,50
Waringhien (E + F)............ 33,00
Lexique Léger (E + F)......... 5,40
Naùlingva Leksikono (Bastien). 10,00
Plena Vortaro de Esperanto.... 15,00
Vocabulaire de poche (Bastien) 3,30

## HISTOIRE DU MOUVEMENT

Le Docteur Espéranto.......... 6,50
La Esperanto-Movado........... 3,00
La Internacia Lingvo.......... 8,50
Leteroj de Zamenhof (2 vol.).. 28,00
Originala Verkaro............. 18,00
Historio de la Lingvo Espº.... 8,50
Vivo de Zamenhof (Privat)..... 4,50
Zamenhof (M.Boulton).......... 19,00

## LITTERATURE

Angla Antologio............... 14,00
Akbar (Brouwer)............... 5,50
Aventuroj de Marteno Drake.... 4,50
Bildlibro pri Bestoj.......... 11,50
Dana Antologio................ 16,50
Eroj (M. Boulton)............. 12,50
Esperanta Antologio (Poemoj).. 21,50
Fabeloj de Andersen........... 15,00
Fabiola..........(broŝurita). 7,50
Ĝoja Podio (Schwartz)......... 6,00
Héros existentialistes........ 2,00
Invito al ĉielo............... 4,50
Kiel akvo de l'rivero (bind.). 19,00
La Marvirineto................ 10,50
Malsata ŝtono (R. Tagore)..... 16,00
La Naùzo (Sartre/Bernard)..... 20,00
Normandaj Rakontoj............ 17,00
La Dia Komedio................ 50,00
Peer Gynt (Ibsen)............. 11,20
Reĝo Edipo, Antigono.......... 10,00
La Revizoro (Gogol)........... 4,50
Sonĝe sub Pomarbo (Baghy)..... 10,00
Taglibro de Anne Frank........ 11,50
Topaze - ŝipego "Tenacity".... 10,00
Tartarin de Taraskono......... 7,00
Virineto en Bluo.............. 3,30
Vitralo (J. Francis).......... 6,00

## RELIGION & PHILOSOPHIE

Tio, kion mi kredas (Rostand) 3,00
Maksimoj (La Rochefoucauld).. 2,00
La Nova Testamento........... 3,50
La Sankta Biblio............. 12,00
La Vivo de N.S.Jesuo (Dickens 5,00

## GEOGRAPHIE et VOYAGES

Aùstralio lando k. popolo.... 3,50
De Parizo al Lazura Marbordo. 1,80
Ekspedicio Kon-Tiki.......... 18,50
Kanako el Kananam............ 11,00
La bela subtera Mondo........ 10,00
Nepalo malfermas la pordon... 15,00
Pariza gvidlibro ilustrita... 3,00
Ŝipestro rakontas............ 8,50
Tempesto super Akonkagvo..... 11,00

## ARTS SCIENCES TECHNIQUES

Atakoj kontraù ĝardenplantoj. 15,50
Amuzo per Scienco............ 6,00
Retoriko............(Lapenna 16,50
Sekretoj de la Marestaĵoj.... 7,50
Vivo de la Plantoj........... 11,50

## DISQUES

Cours complet (6 disques plus (7 livrets.... 80,00

**Frais d'expédition et de poste:** 20% jusqu'à 10 F. - 15% jusqu'à 20F. et 10% au-dessus. Les ordres sont à adresser avec les fonds à UFE: 34, rue de Chabrol - Paris (10ème)

C.C.P.PARIS 855-35

S.I.T.E.C. Imprimeur 188 Fbg St-Denis PARIS 10    Le Gérant: J.GUILLAUME